27 JUNIO 1907. Unu Numero : 10 CENTIMOJ (4 Spesdekoj) TRIA JARO. — Nº 10

# ★ ESPERANTO ★

DUONMONATA INTERNACIA GAZETO

**ABONO**
Unu Jaro . . . . Sm. **1.20** | Helpabono . . . . Sm. **4.—**
Spesmilo (Sm.) = 100 Spesdekoj (Sd.) = 2,50 frankoj = 2 ŝilingoj = 2 markoj = ½ dolaro = 1 rublo = 2,40 kronoj austr = 1,80 kronoj Skand (proksimume).
Oni abonas ĉe la Administracio
8, Rue Bovy-Lysberg, 8, Genève (Svisujo)
aŭ ĉe la lokaj agentoj

**DIREKTORO :**
HECTOR HODLER
8, Rue Bovy-Lysberg, 8
Genève (Svisujo)
Bulgara Eldono : N. B. Kovaĉef, Sofio



## ESPERANTISTA STATISTIKO

La Esperantista Centra Oficejo, kiu jam publikigis diversajn utilajn dokumentojn, jus aperigis la duan eldonon de la « Esperantista Societaro [1]) », verko, kiu enhavas krom praktikaj informoj pri niaj diversaj organizajoj, interesan statistikon de nia agado dum la lasta duonjaro 1906. Tiuj dokumentoj klare montras, kiel regule kaj rapide progresadas nia afero tra la mondo ; ili estas aparte konvinkaj por tiuj personoj, kiujn kontentigas ne nur vortoj kaj teorioj, sed ankaŭ faktoj apogitaj per ciferoj. Ni eltiru kelkajn nombrojn el la priparolita libro : La sumo de la esperantistaj grupoj, kiu estis 407 en junio 1906 atingis 482 en la fino de l'sama jaro, sed, fakte la kreskado de Esperantismo estis pli granda ol supozigas tiu diferenco, ĉar en la unua nombro estis enkalkulitaj kelkaj grupoj, kiuj nur nome ekzistis kaj estis forstrekataj post ricevo de pli precizaj informoj ; eble, en junio ekzistis nur 360. La diferenco estas do reale ne 75, sed ĉirkaŭ 130 ; kaj tiu konstato estas ĝojiga kaj kuraĝiga, ĉar la nun fondataj societoj estas plene vivokapablaj ! La plimultigo de la specialfakaj societoj, kiu estas la plej grava simptomo de vivo de nia lingvo, daŭras : ili estis 47 en decembro anstataŭ 36 en junio. La nombro de la gazetoj (26) ne ŝanĝiĝis [2]. Fine, la progresado daŭras en la rondoj ne speciale dediĉitaj al Esperanto : 16 gazetoj (anstataŭ 10) enpresas regulajn kronikojn en Esperanto ; 7 kongresoj (anstataŭ 5) rekomendis aŭ akceptis la uzon de la lingvon ; 24 (antaŭe 20) societoj nekomercaj korespondas en Esperanto. Fine, la kreo de konsulejoj, oficejoj kc. havis grandan sukceson : tri monatojn post la Geneva kongreso, tiaj ekzistis jam en 120 urboj.

Oni rimarku, ke tiu statistiko estis starigita en la fino de decembro 1906 ; de junio ĝis decembro, ekzistas tri someraj monatoj, dum kiuj la esperantista agado estas ne grava ; do, tiom pli atentindaj estas la ricevitaj progresoj. De tiu tempo kreiĝis tre multaj grupoj speciale en Ameriko ; ankaŭ la nombro de la konsulejoj ĝojige pligrandiĝis kaj oni povas esperi, ke baldaŭ ĉiu urbo kaj ĉiu urbeto posedos sian Esperanto-Konsulejon. Por niaj legantoj, jen resuma tabelo montranta la staton statistikan de Esperantismo en junio kaj decembro 1906 :

| | Konsulejoj et Oficejoj | Societoj | |
|---|---|---|---|
| | | Jun. 06 | Dec. 06 |
| Afriko | 2 | 3 | 6 |
| Nord-Ameriko | 3 | 18 | 23 |
| Sud-Ameriko | » | 5 | 7 |
| Oceanio | » | 2 | 5 |
| Azio | 1 | 10 | 7 |
| Aŭstrujo-Hung. | 10 | 26 | 32 |
| Belgujo | 12 | 15 | 14 |
| Britujo | 20 | 70 | 96 |
| Bulgarujo | 4 | 15 | 15 |
| Danujo | » | 2 | 2 |
| Francujo | 38 | 111 | 124 |
| Germanujo | 6 | 36 | 39 |
| Hispanujo | 6 | 22 | 28 |
| Holandujo | 1 | 8 | 9 |
| Italujo | 2 | 6 | 7 |
| Rusujo | 2 | 19 | 20 |
| Svedujo | 2 | 15 | 18 |
| Svisujo | 11 | 23 | 30 |
| | 120 | 407 | 482 |

Kompreneble statistiko absolute ĝusta pri tiel vasta kaj tutmonda movado kiel nia estas postulado ne atingebla ; por ke tia laborado estu kiel eble plej korekta, estas nepre necese, ke ĉiuj grupoj kaj organizajoj sendu regule ĉiujn novajn informojn al la Centra Oficejo, kiu prenas sur sin la certe ne facilan taskon alcentrigi ĉiujn sciiĝojn pri niaj organizajoj kaj liveri al ni zorge faritajn eldonajojn, kiuj, krom tio ke ili en la nuna tempo tre utilas por reciproka sinkonado, estos pli malfrue dokumentoj de netaksebla valoro por montri la iom-post-ioman progresadon de Esperanto — en la momento, kiam ni statistikon espereble jam ne bezonos.

Al kelkaj personoj, tiuj nombroj ŝajnas ankoraŭ tre malgravaj ; al mi ili ŝajnas tre gravaj, kaj mi ne povas forteni de mi la konkludon, ke, se en ĉiu el tiuj kvar aŭ kvin cent grupoj, troviĝus dek personoj, nur dek, kiuj estus serioze deciditaj por uzadi de nun Esperanton, instigi al ĝia uzado, per unu vorto laboradi por ĝi, ĉiu laŭ sia povo, se en ĉiu loko, kaj ne nur en kelkaj, tia fenomeno okazus, la mondo estus baldaŭ nia. Plene eraras la personoj, kiuj opinias, ke nur kiam milmilionoj da homoj estos Esperantistoj, la batalo estos gajnita ; la venko venos tuj kiam oni komprenos, ke nia afero ne estas ia ludo aŭ entrepreno apartigita de la kutima vivo aŭ ia pure ideala sento, sed ke ĝi devas eniri la kampon faktan kaj praktikan de nia ĉiutaga vivado. Por tio, ni bezonas nur kelkajn deciditajn laborulojn, sed neniel milojn da homoj. Ni tial atentu ne nur pri la ciferoj en si mem, sed ankaŭ pri la kvalito kaj vera esperantisteco de la elementoj, kiujn oni enkalkulas kiel Esperantistojn.

H. H.

[1]) *Esperantista Societaro*, dua eldono, korektita ĝis la 31a de decembro 1906 — Paris, Esperantisto Centra Oficejo — Prezo : fr. 1,50 (60 spesdekoj).

[2]) Ili nun estas 33.

## TRA LA MONDO

### Aŭstrujo.

Praha, Junio 1907.

Loĝantaron en Aŭstrujo oni povas imagi dividitan horizontale per sociaj diferencoj kaj samtempe vertikale laŭ nacioj. Jen la kaŭzo de internaj komplikajoj en kiuj Aŭstrujo jam de 50 jaroj vagadas. Tiuj komplikitaj aferoj estis videblaj ankaŭ dum unua balotado laŭ universala balotrajto. La balotoj okazis la 14an de majo, sed en preskaŭ duono de la distriktoj estis bezonataj rebalotoj kiuj okazis la 23an de majo. Nun do oni scias la tiel malpacience atenditan rezultaton. Oni ĝenerale povas diri, ke ĉe ĉiu nacio Aŭstruja ekzistas 4 ĉefaj partioj : liberala, nacia, klerika, socialdemokrata, kiuj kompreneble dividiĝas je malsamaj partietoj. Kaj oni povas diri, ke ĉe ĉiu nacio Aŭstruja venkis la socialdemokratoj. La liberalaj partioj, kiuj ĝis nun regadis, malvenkis tiel ke ili havas nun pli malmulte ol triono de la estinta nombro de deputatoj. Ankaŭ la nacionalistoj perdis gravajn lokojn. Ekzemple, germanaj nacionalistoj havas nun nur 23 deputatojn. Multejara liberala deputito, Dro Marchel, ministro, ankaŭ ne estis elektita kaj volis tial demeti sian oficon ; sed la demeto ne estis ankoraŭ akceptita ; ĉeĥaj ministroj Fort naj Pacak, anoj de la ĉeĥa liberala partis, estis rebalotitaj. La kondukanto de la ĉeĥaj liberaloj Dro Kramar estis reelektita nur en la dua balotado. Krom la socialdemokratoj, ofte venkis la klerikanoj, precipe en landoj germanaj, uzante la titolon « kristanaj socialistoj ». En Bohemujo kaj Moravujo ricevis rimarkindan nombron da bolotitoj la partio agrara, kiu intencas « plibonigi la staton de la terkulturistoj ». Grave estas, ke la balota rezultato ofte korektis la oficialan registaran statistikon pri nacieco de loĝantaro. Ekzemple, en Trieste, urbo « pure » itala, la italaj kandidatoj ricevis kune 8424 voĉojn, la slavaj kandidatoj 7788. Simile okazis en tuta Istrio. Oni povas doni nun la tabelon de partioj en nova Aŭstra parlamento :

Socialdemocratoj 83 ; kristanaj socialistoj (germ) 66 ; katolika germana centrumo 31 ; ĉeĥaj agrara partio 26 ; germana popola partio 25 ; germana progresema partio 24 ; ĉeĥa liberaloj 21 ; ĉeĥaj klerikanoj 19 ; germanaj agristoj 18 ; slovincaj katolikoj 16 ; italoj 14 ; ger. nacionalistoj 14 ; ĉeĥaj nacionalistoj radikaloj 9 ; slovincaj liberaloj 9 ; Kroatoj 9 ; Rumanoj 5 ; Rusenoj 5 ; ĉeĥaj nacionalistoj konservat 5 ; germ. nacionalistoj (Schoeneranoj) 4 ; Serboj 2 ; ĉeĥaj progres. 2 ; Poloj (el Galicio) 106 ; diversaj 3.

S. K.

### Brazilujo

Rio-de-Janeiro, Majo 1907.

Brazilujo estas ankoraŭ malmulte konata de la fremdaj landoj. Ne estas malofte vidi transmarajn jurnalojn, kiuj elmontras nescion eĉ pri ĝia geografio. Tamen, Brazilujo, pro sia geografia situacio, unu el la plej adekvataj por la tutmonda komerco, pro sia teritoria amplekso, sia grandega fruktodono, siaj multenombraj akvofaloj, estas difinata por brilega estonto. La surfaco, kiu estas ekvivalenta je la dekkvinono de la tersuprajo de l'mondo kaj egala je tiu de Eŭropo (esceptante Aŭstrujon-Hungarujon, Grandan-Britujon kaj Germanujon), ebligas Brazilujon enricevi dum multe da jaroj elmigrontojn, ne timonte la superloĝiĝon. Brazilujo nun enhavas ĉirkaŭ dudek milionoj da loĝantoj, t. e nur 2 ½ sur unu kvadrata kilometro. La marbordo, banata de Atlantiko, kun multe da havenoj kaj golfetoj, havas longon da 7920 kilometroj. La solaj 4 brazilaj ŝtatoj, kiuj ne estas apudmaraj havas tamen la riverveturon ; la riverego Amazonas estas la plej granda laŭ sia akva kvanto. La longo libere veturebla sur tiu riverego kun ĝiaj alfluantoj en la brazila tero estas 43.250 kilometroj. Kuŝanta parte en la modera zono, ĝi liveras la plej diversajn produktojn terkulturajn, kies ĉefaj estas : kaŭĉuko, sukerkano, kakao, kotono, tabako, kafo, vinbero, k. c. ; ĝia fruktodono estas grandega kaj la grenoj kreskas en ĝi preskaŭ ne kulturitaj. La mineralaj riĉajoj, precipe en la mezo, estas eksterordinaraj. Brazilujo en havas minojn de oro, arĝento, plateno, kupro, terkarbo, k. c. kaj ĝi estas ankaŭ riĉa je diamantoj. La fero troestas ĉie kaj la esploro de Mangano estas farataj liberaere. Metaloj kiel la torio troviĝas en ĝiaj sabloj ĉe la marbordo de Bahia kaj Espirito Santo. La industrio multe progresadis post la protektanta politiko subtenata de la respublikaj registaroj. La edukado de l'bruto bova, ĉevala kaj mula estas unu el la plej ĉefaj fakoj de l'terkultura industrio. Brazilujo estas kovrata de tre grandaj arbaregoj, kiuj enhavas bonegajn lignojn por konstruado kaj kolorigarto, krom multe da medicinaj kreskajoj. Fine, Brazilujo estas unu el la plej favoraj landoj de l'naturo ; ĝi havas terojn por ĉiuj popoloj kaj esplorojn gajnigajn por ĉiuj kapitaloj.

Ekzistis dum multe da jaroj en la fremdlando la timo pri la flavfebro, kiu plimalgrandigis la eksteran loĝantaron de Brazilujo. Nun ne estas plu kaŭzo por tiuj timoj. La persista batalado subtenita de la Direktoro de l'Publika Saneco malaperigis la timitan flavfebron. Hodiaŭ, Rio, post gravaj laboroj de sanigado, kiel la malfermo de larĝaj aleoj, plilarĝigo de stratetoj, ĝardenigo de placoj, k. c. prosperis plimalaltigi la koeficienton de mortado, certe unu el la plej bonaj de l'Sudamerikaj urboj. Kun ĉirkaŭ 900.000 loĝantoj, Rio havas grandan vivadon, kiel la urboj de l'malnova mondo. Nuntempe, Rio jam povas montri al siaj vizitantoj kelke da vidindajoj, krom siaj tiel cititaj naturaj belajoj. La rapida aliformiĝo de l'urbo en malmulte da jaroj vive impresas ĉiujn, kiuj ĝin vizitas. Krom la eksterordinaraj ellaborajoj faritaj en Rio de la ĉefurbestraro kaj de la federala registaro, multe da aliaj estis faritaj de tiu ĉi en la ŝtatoj. Kiam D-ro Rodrigues Alves, en jaro 1902, prenis sur sin la regadon, li diris : « Tio, kio konvenas — kaj la registaro faros tuj — estas komenci la laboron kaj neniam plu ĝin forlasi, kvankam tio kostos al ni grandejajn oferoj » kaj li plenumis sian programon, kiun la nuna registaro daŭrigas. Bedaŭrinde, kiel mi jam diris, Brazilujo estas malmulte konata de la fremduloj kaj eĉ kalumniata. Sed tiuj, kiuj rompinte la atmosferon de antaŭjugo, venas al ni, estas mirigitaj. Tio okazis al S-ro Hurot, urbkonsilanto de Seno, kiu vizitis Rio'n kaj restis tiel ravita ke en ĝi li aĉetis terpecon. Rio esperas baldaŭ la viziton de S-ro Doumer, franca politikulo, kaj ni, esperantistoj, la alvenon de S-ro P. Berthelot, kiuj venos honori nin per siaj ĉeestoj. Efiku tiuj faktoj pli mallarĝan rilaton inter Brazilujo kaj la malnova mondo.

A.-C. Fernandes.

### Bulgarujo

Sofio, junio 1907.

En la tuta lando, la ĉefa demando estas, ĉu la jaro estos favora por la kulturado. Terkulturistojn timigas la malbona stato de l'grenkreskajoj, la aliajn la plikariĝo de la terkulturaj produktajoj. La demandon politikan anstataŭis la timo pro la minacanta jaro, kiu promesas malbonan rikolton kaj malplenigon de l'monujoj malmultepezaj. Malgraŭ ke, en la lasta tempo, la sekiĝo estis rompita de l'pluvado, tamen la minaco de l'malsato ankoraŭ regas ĉe la popolo. Car Bulgarujo estas precipe terkultura lando, tiaj demandoj ĉefe priokupas la regnanojn. Tiuj rekomendas ĉesigon de eksporto, aliaj serioze atakas tian ĉesigon, dirante ke ni en la lando havas sufiĉe da grenoj por ke ni ne mortu de malsato ; aliflanke, nune, la grenoj vendiĝas sufiĉe grandpreze. Ni do ne malpermesu al havantoj de grenoj ilin vendi laŭ tiu bona prezo. En niaj grentenejoj, oni diras, estas sufiĉe da grenoj, ni ne timu, ke, se la eksporto estas permesata, la vilaĝano ĉion vendos por ne morti de malsato.

La 2an de Junio en Popola teatro, oni finis la donadon de l'prezentadoj. Dum 5 monatoj, oni ludis preskaŭ 20 teatrajojn. Ni ne devas forgesi, ne oni unuafoje malfermis la teatron en junuaro, kaj en la solena malfermo de la nova teatro, kiu en ĉio alsimilas eŭropajn teatrojn, la studentoj fajfis kontraŭ la regnestro, pro kio la universitato estis malfermita kaj ĝia memstareco iom deprenita. Inter aliaj luditaj teatrajoj estis « La revizoro » de Gogol kaj la « Rabistoj » de Schiller, kiujn jam konas niaj samideanoj, ĉar ili estis tradukitaj de Dro Zamenhof. Krom tradukitaj teatrajoj, oni ludis du originalajojn de l'bulgaraj aŭtoroj : « La nunaj » de Feodora, naj « La bopatrino de l'virino » de Straŝimirov. Ni havas rimarkindan aktoron en la persono de Sro I. Popov.

La ĉiama batalado kaj atakado inter diversaj partioj estas io komuna en la vivo moderna. Nune, la afero pri Makedonujo estas la ĉefa demando. La Bulgaroj komencis maltrankviliĝi de l'agado de Grekoj kaj Serboj en Makedonujo, kiuj penas malaperigi la Bulgarojn de tiu malfeliĉa lando. Eble se la Eŭropa politiko ne plibonigas la staton en Makedonujo, ia serioza okazo en Balkanujo estus neevitebla.

H. Rjahovski.

### Germanujo.

Berlino, Junio 1907.

La ĉefa nuntempa okazo sendube estas la skandalaro, kiu jus estis malkovrita ĉe la imperiestra kortego kaj liveras nun plenegan materialon por ĉiuj skandalavidaj gazetoj. Serĉi en tia amaso da novajoj kaj rakontoj, kio estas vera kaj kio ne vera estas, en tiu momento, afero tute neebla.

Mi nur provos resumi por viaj legantoj tiun ne tre puran okazintaĵon, kaj eĉ resumi estas tasko sufiĉe malfacila. La ĉefa ludanto en tiu kvazaŭdramo estas princo Eulenburg, antaŭe amiko de l'Imperiestro. Dum kelka tempo, li estis ambasadoro en Vieno, kaj, poste li revenis Berlinon, kie li baldaŭ estis tre influa, ĉu sur la korteganaron, ĉu eĉ sur la Imperiestron. Tiamaniere, kvankam ne okupante ian oficialan postenon, li estis kvazaŭ sekreta konsilisto, kaj, pro tio, estis implikita en gravaj politikaj okazoj, kiel ekzemple en la neniam klarigita eksiĝo de l'ekskanceliero Caprivi. Kvankam oni nun verŝajne trograndigas la sekretan potencon de Eulenburg, oni devas konstati, ke la nuna ministro de l'eksterlandaj aferoj kaj diversaj altrangaj oficiroj estis elektitaj danke lian influon. Sed la ambiciajn dezirojn de l'princo malhelpis kanceliero von Bülov, kies potencon decidis neniigi Eulenburg. Laŭ tio, kio nun aperas, la kanceliero lerte defendiĝis kontraŭ tiuj kaŝitaj intrigoj. Por fortikigi sian situacion, li forpermesis la Reĥjstagon kaj prosperis akiri novan favoran plimulton; tiu ĉi fakto neebligis ŝanĝon en la registaro. Tamen, la influo de Eulenburg ĉiam restis. Tie ĉi aperas Harden, unu el la plej famaj kaj akraj gazetistoj de Germanujo, direktoro de l'revuo *Zukunft*. Harden estas la plej brila polemikisto germana; estinta amiko de Bismark, fervora ano de lia politiko, li en mallonga tempo akiris grandan potencon. Harden, jam de kelkaj monatoj, aludis la influon de Eulenburg en la kortego kaj la skandalajn morojn de la intimuloj de l'princo. Li poste daŭrigis siajn atakojn, maskante la nomojn de la atakatoj. Nur antaŭ ne longa tempo, la Imperiestro sciiĝis pri tio. Tuj li komencis la purigadon. La komandanto en Berlino, Moltke, estis eksigita; tian saman sorton ricevis aliaj altoficiroj en Berlino kaj Potsdam. Oni ankaŭ supozas, ke Tschirsky, ministro de l'eksterlandaj aferoj, eksiĝos. Proceso baldaŭ okazos kaj certe la skandalamantoj povas ĝoji, ĉar ĉio ankoraŭ ne estas finita. Mi ne parolos pri la gazetista batalado kiun elvokas tiu afero; ĉiu partio profitas la ozakon, ĉar en tia malsimplaĵo, ĉiu povas eltiri favorajn konkludojn por si mem. En la lasta tempo, oni diras, ke ankaŭ la fremdlanda politiko partoprenis en tiu implikaĵo; Eulenburg estis favora al Francujo, kaj danke lin, Francujo ricevis sufiĉe bonajn rezultatojn el la konferenco en Algesiras; tio kaŭzus la koleron de Harden, fervora Bismarck'ano, kiu tiam decidis fini la influon de l'princo. Ĉio tio ĉi estas treege konfuza kaj oni devas sin forteni de ĉia komentario, kiu en la nuna povus esti inspirita nur de la unuahoraj partiaj pasioj.

F. Ŝ.

## Tutmonda Kroniko

*1 Junio. Ĥinujo.* — Apud Suatow okazas batalo inter la ribelantoj kaj imperia soldataro; 700 mortintoj.

*Konstantinoplo.* — La germana vaporŝipo « Sophie » rompiĝas ĉe la eniro al Bostoro kaj poste brulas.

*Parizo.* — Mortas S-ro Billot, eksministro de l'milito.

*2. Francujo kaj Holandujo.* — Striko ĝenerala de la komerca maristaro.

*3. Londono.* — Mortas la apostolo de la germana demokratio, Karlo Bind.

*Madrido* — Komenco de l'proceso kontraŭ Ferrer kaj Nackens, kiuj favoris la forkuron de Morales, atencinto kontraŭ la gereĝoj.

*5. Tunizo.* — Eksplodo de velŝipo; 70 mortintoj.

*7. Yemen* (Arabujo). — Venko de la ribelantaro kontraŭ la turka soldataro.

*8. Londono.* — Alveno de la danaj gereĝoj.

*9. Montpellier.* — Manifestado pro la vina krizo; 800.000 partoprenantoj.

*Beogrado.* — Ministrara krizo; S-ro Pačič eksiĝas.

*Bukaresto.* — Balotoj al la deputataro. Estas elektitaj: 61 liberaluloj, 9 konservativuloj, 5 rebalotoj.

*11. Romo.* — La supera juĝantaro decidas, ke la juĝa aŭtoritato estas ne kompetenta por juĝi eksministron Nasi, kiu sekve restas libera.

*12. Madrido.* — Nackens kaj Mata estas kondamnitaj je 9 jaroj; la aliaj estas absolvitaj.

*13. Portsmouth.* — Pereas submara ŝipo pro eksplodo.

*Peterburgo.* — Malkovro de komploto kontraŭ la registaro; kelkaj deputatoj socialistaj estas implikitaj en la komploto.

*14. Parizo.* — Alveno de la danaj gereĝoj.

*Sud-Ameriko.* — Tertremoj en Ĉilio.

*15. Peterburgo.* — Forpermeso de la regna Dumo.

*Hago.* — Malfermo de la dua internacia konferenco por la paco.

A. Tellini.

## ESPERANTO PRAKTIKA

### Akcia Societo Esperanto.

Ni tre kore dankas ĉiujn personojn, kiuj bonvolis respondi nian alvokon pri fondo de *Anonima Akcia Societo* por la ekspluatado de la jurnalo kaj mendis unu aŭ kelkajn akciojn. Ni insiste petas ĉiujn niajn legantojn, kiuj intencas mendi akciojn en la dirita societo, ke ili bonvolu *informi nin pri tio kiel eble plej baldaŭ.* La lasta limtempo estas la **10a de Julio** [1]. Ni rememorigas ke unu akcio kostas *25* frankojn (10 spesmilojn); ĉiu akciulo ricevos en ĉiu jaro fiksan procenton da 4 % kaj partoprenos la profitojn laŭ proporcio difinota de la regularo. La fonda kunveno okazos dum la IIIa kongreso, en Cambridge. Oni do rapidigu la mendojn, tiamaniere ke ni povu ĝustatempe organizi la fondan kunvenon kaj ke post la kongreso nia societo estu definitive starigita.

*La Direkcio.*

## IIIa Kongreso Esperantista

Ni ĉi-sube resumas la diversajn informojn pri la IIIa Kongreso. Kiel oni povas legi, la Trio por la Tria fervore laboris pri la organizado kaj preparis ĉion por certigi la sukeson de nia elmontrado. Nun siavice niaj gelegantoj sin pretigu por iri Kembriĝon, kaj ili antaŭe legu zorge la subajn informojn, kies alkonformiĝo tre faciligas la taskon de la organizantaro.

Kvankam la oficialaj tagoj de *La Tria* estas *Lundo, Augusto 12a*, ĝis *Sabato, Augusto 17a*, ni esperas, ke multaj amikoj venos al Cambridge Sabaton, la 10an de Aŭgusto. Ili tiam povos komforte loĝigi kaj koni iom pri la urbo kaj ĝiaj ĉirkaŭaĵoj antaŭ ol komenci la laboron. Ni arangos kelkajn neoficialajn kunvenojn por tiuj fruuloj Sabaton. Dimanĉon, 11an de Aŭgusto, okazos Esperantaj Dioservoj. Pastro J. Cyprian Rust, prezidanto de la *Eklezia Komitato*, jam preparis lertan tradukon el la Angla Preĝlibro, kiun ni baldaŭ presigos kun kolekto da himnoj, kanteblaj laŭ tre konataj melodioj. Se kelkaj samideanoj havas originalajn aŭ tradukitajn himnojn kaj bonvolos sendi ilin por nia ekzameno, ni danke enmetos ilin en la kolekton, se eble. Katolikajn himnojn oni sendu al *Abato Peltier, St. Radegonde, I.-et-L., France.* Niaj vizitantoj povos fari promenadojn en la urbo kaj kamparo, sed ni esperas, ke kiel eble plej multaj ĉeestos en la preĝejo matene.

**Programo.** — *Lundon la 12an de Aŭgusto*, oficiala akcepto de la Esperantistoj okazos ĉirkaŭ la dua horo posttagmeze. La oficiala malfermo de la Kongreso okazos vespere aŭ en la ambaŭ, se tion postulos la grandnombreco de la Kongresanoj. Ĉiumatene, okazos en la Urbodomo la oficialaj agadaj kunvenoj de la Kongreso. La posttagmezoj de mardo, merkredo kaj vendredo estos dediĉitaj al la kunvenoj de la specialistaj societoj, kiuj deziros kunveni, kaj estas nepre necese, ke iliaj sekretarioj frue sciigu nin kiom da kunvenoj ili deziras havi.

La vesperoj de mardo kaj jaŭdo estos okupataj de teatraj ludoj kaj koncertoj, kaj ni petas ke la prezidantoj aŭ sekretarioj de la ĉiunaciaj grupoj bonvolu sciigi nin, ĉu iuj el iliaj talentaj membroj ĉeestos. Ni intencas frue prepari la programojn de tiuj festoj, kaj tre ŝatos internacian kunlaboron. Granda ekskurso en la Gardenan Urbon okazos posttagmeze mardon, la 13an, kiam estos speciala ekspozicio de modelaj dometoj. Granda ekspozicio de britaj sportoj okazos posttagmeze jaŭdon Aug. 15, kaj ankaŭ oni aŭdos la ŝanĝsonoradon de la famaj sonoriloj de Great St. Mary preĝejo. Granda nokta substela festo okazos merkredon, Aŭg. 14. Diversaj koncertoj, anglaj kaj internaciaj, kompreneble tie okazos, kaj la tuta afero kredeble estos tre memorinda. Unu posttagmezon — kredeble merkredon, okazos oficiala ekskurso al Ely, kie lia Dekana Moŝto afable proponas persone konduki nin tra la katedralo.

Ĉiutage ni intencas organizi interesajn ekskursojn sur la rivero kaj kamparo, kaj kelkaj firmoj permesos, ke Esperantistoj vizitu kaj esploru iliajn magazenojn, k. t. p. Granda Nacivesta Balo okazos vendredon, kaj ni tre insiste petegas, ke ĉiu Kongresano venu ne fantazie sed nacie vestita. Pri tiu ĉi afero ni poste donos pluajn detalojn. La oficiala fermo de la Kongreso okazos sabaton matene, kaj kredeble la plimulto el la Kongresanoj tuj forveturos Londonon per specialaj vagonaroj.

Tiam la oficiala laboro de *La Trio* estos finita. Poste komenciĝos nova epoko, kaj la Londonaj samideanoj klopodos, sub la prezido de *Triano* Mudie, gajigi por niaj amikoj ilian Londonan ĉeeston. Kredeble ĉiuj estos iom laciĝintaj sabaton, kaj pro tio nenia grava kunvenego okazos, sed ni permesos al niaj vizitantoj iom spiradi antaŭ ol konduki ilin, la morgaŭan tagon, en la plej ŝatindajn el niaj allogaĵoj. Dimanĉo en Londono estas tre bona tago por viziti la Zoologiajn Gardenojn, Botanikajn Gardenojn en Kew, kaj Hampton Court. La muzeoj de pentraĵoj, k. t. p., estas malfermataj posttagmeze kaj do eĉ se pluvos, oni ne devos resti en lito. Tiaj ekskursoj kaj vizitoj daŭros ĝis la frua mateno de merkredo, Aug. 21, kaj la ĉefa kunveno kredeble okazos lundon nokte, en vasta salonego, en kiun povos ankaŭ veni neesperantiĝintoj. La granda ekskursoj tra Anglujo komenciĝos merkredon, Aŭg. 21, kaj kelke da ili daŭros ĝis Aŭg. 27, je kiu dato la rabatoj ceditaj de la fervojaj kompanioj finiĝos. Inter tiuj ĉi ekskursoj estas vizitoj al Stratford-on-Avon, Warwick, Oxford, Kimrujo kaj, eble, al la Laga Regiono Angluja. Jen skeleto de niaj planoj. Ni esperas, ke la Kongresanoj aprobos. Pri la multaj detaloj kaj kunvenoj poste arangotaj — inter kiuj estas festo proponita de lia Urbestro-Moŝto en Cambridge, kiu kun kelkaj aliaj eminentaj personoj, deziras akcepti nin — ni poste donos sciigojn.

**Kongresa bileto.** — Al ĉiuj oficialaj kunvenoj la *Kongresa bileto* rajtigas la eniron. La kosto de la bileto estos 5 spesmilojn (10 ŝilingojn). Personoj malpli ol deksepjaraj pagos nur la kvaronon. Ordinare ĉe gravaj kongresoj la kotizaĵo estas almenaŭ la duoblo de tiu, kiun ni elektis, kaj certe neniu povos prave pretendi, ke la kosto estas tro granda, kiam oni konsideras la rajtojn kiujn ĝi donas rilate al fervojaj rabatoj, kunvenoj, ekskursoj. Amikoj, do havu fidon, helpu nin kaj venu! Ni plene fidas, ke ĉiuj estos kontentaj.

**Loĝado.** — Ni povas unue dividi la Kongresanojn en du grupojn: — tiuj kiuj deziras loĝi en *hoteloj*, kaj tiuj kiuj deziras loĝi en *loĝejoj*. Kembriĝo estas urbo de Kongresoj, kaj pro tio ke la Membroj de la Universitatoj kutimas loĝadi en ili, la loĝejoj estas tre komfortaj kaj la postulata luprezo estas ne tre granda. Nur malmultaj personoj povos loĝi en hoteloj, ĉar la prezoj estas iom grandaj, speciale por tiuj, kiuj komparos la tarifon de Francaj kaj Svisaj hoteloj. *La Trio* petas, ke ĉiuj, kiuj deziras havi ĉambrojn en hotelo, bonvolu kiel eble plej baldaŭ sciigi sian intencon kaj sendi detalojn pri la nombro kaj kosto de la bezonotaj ĉambroj, litoj k. t. p. Rilate al la plejmulto, la *loĝejanoj*, ni dividos ilin.

[1]) Tiu limtempo ne koncernas la ekstereŭropajn landojn.

FELIETONO DE " ESPERANTO " 3

# LA LEGENDO

DE

# SANKTA JULIANO HELPEMA

**el Gustave FLAUBERT**

(trad. H. Hodler)

La dua, terurigita, forsaltis abismen. Juliano antaŭenglitis per la dekstra piedo kaj sur la kadavron de la alia falis kun la vizaĝo super la abismo kaj la du brakoj malplektataj. Resuprenirinte sur la ebenaĵon, li laŭiris salikojn, kiuj borderas riveron. Gruoj, malalte flugantaj, iafoje pasadis super lia kapo. Per sia vipo Juliano mortigis ilin kaj ne maltrafis unu. Jen, la malvarmeta aero jus fluidigis la prujnon, naĝadis larĝaj vaporoj kaj ekmontriĝis la suno. Li vidis, ke tre malproksime brilas rigida lago simila al plumbo. Meze de lago, estis besto, kiun ne konis Juliano, nome buŝnigra kastoro. Malgraŭ la interspaco, ĝin trafis sago, kaj li bedaŭris, ke li ne povas kunporti la haŭton. Poste, li antaŭenmarŝis sur avenuo de grandaj arboj formantaj per la suproj kvazaŭ triumfarkon ĉe l'eniro al arbaro. Kapreolo saltegis el densejo, ĉe l'vojkruciĝo aperis damcervo, el truo eliris melo, sur la herbo pavo disetendis sian voston kaj kiam li ĉiujn mortigis, prezentiĝis aliaj kapreoloj, aliaj damcervoj, aliaj meloj, aliaj pavoj, kaj merloj, garoloj, putoroj, vulpoj, erinacoj, linkoj, multego da bestoj ĉe ĉiu paŝo pli nombraj. Tremenaj ili kun rigardo dolĉa koj petema ĉirkaŭvagadis. Sed Julianon ne laciĝis la mortigado; li sinsekve streĉis sian pafarkon, elingigis la glavon, celis per tranĉilego, kaj neniel pensis, rememoris pri nenio ajn. Li estis ĉasanta en ia lando, jam de necerta epoko, laŭ la sola fakto de sia esto, kaj ĉio tio ĉi estis plenumita kun tia facileco, kian oni sentas en la sonĝoj. Neordinara vidaĵo lin haltigis. Cervoj plenigis cirkforman valeton, kaj, sin premante unu la alian, ili sin revarmigis reciproke per la elspiraĵo, kiun oni vidis fumadi tra la nebulo. La espero pri tia buĉado lin, dum kelkaj minutoj, sufokis pro plezuro. Kaj li desaltis el la ĉevalo, kuntiris siajn manikojn kaj ekpafis. Ĉe la siblado de l'unua sago, ĉiuj cervoj samfoje turnis la kapon. En ilia amaso fariĝis malplenoj, laŭtiĝis plendemaj voĉoj kaj la brutaron agitis granda movado. La rando de la valo estis tro alta por transsalto. Ili saltegis en la enfermaĵo, provis forkuri. Juliano celis, pafis, kaj falis la sagoj kiel la radioj de fulmotondra pluvo. La cervoj furiozigitaj batiĝis, ribelis, saltis unu sur la alian, kaj iliaj korpoj kun la kornaroj kunmiksitaj faris kvazaŭ larĝan montaĵon, kiu moviĝante elfalis. Fine, ili mortiĝis, sur la sablon kuŝiĝantaj kun kraĉaĵo ĉe la naztruoj, la internaĵoj eligitaj kaj la ondolinioj de iliaj ventroj laŭgrade malaltiĝantaj. Kaj senmova fariĝis ĉio. La nokto estis venonta, kaj, post la arbaro, tra la interspacoj de l'branĉoj, la ĉielo estis tiel ruĝa kiel sanga tuko. Juliano apogis sian dorson kontraŭ arbon. Li per malfermegita okulo rigardadis la teruran buĉadon, ne komprenante kiel tion ĉi fari li povis. Ĉe l'alia flanko de la valeto, sur la rando de l'arbaro, li ekvidis cervon, cervinon kaj cervidon. La cervo, nigra kaj supermezure grandega, havis dek ses kornetojn kun blanka barbo. La cervino, blonda kiel la mortintaj folioj, demanĝis herbon; kaj la cervido, diskolorigita, ne interrompante sian iradon, suĉis la mamon. Ankoraŭ unu fojon ronkis pafarko. La cervido tuj estis mortigita. Tiam lia patrino, rigardante al la ĉielo blekadis per profunda, kortuŝa, homa voĉo. Juliano, kolerigita, ŝin faligis teren per unu bato en la mezon de l'brusto. La granda cervo, vidinte lin, eksaltis. Juliano celis lin per lasta sago: ĝi trafis la frunton kaj restis internigita. La granda cervo ne ŝajnis ĝin senti; paŝegante trans la mortintoj, li ĉiam pli antaŭeniĝis, estis saltonta al li kaj trapikonta lian ventron; kaj reenpaŝis Juliano, nedireble terurigita. Haltis la mireginda besto; kaj, kun flamiĝemaj okuloj, solena kiel patriarko kaj juĝisto, dum tintadis malproksime sonorilo, li trifoje ripetis: « Malbenata; Malbenata! Malbenata! Iam, kruelega koro, iam ciajn gepatrojn ci mortigos! » Li faldis la genuojn, dolĉe fermis la palpebrojn kaj mortiĝis. Juliano ekmiregis kaj estis subite premata de laciĝo; kaj lin atakis tedo, senlima malĝojo. Kun la frunto en la du manoj, li longe ploradis. Lia ĉevalo estis perdita; lin forlasis la hundoj; al li ŝajnis ke la soleco lin ĉirkaŭanta estas plena de nedifineblaj danĝeroj. Tiam, incitita per teruro, li ekkuris tra la kamparo, laŭokaze enpaŝis vojeton kaj tuj troviĝis antaŭ la pordo de l'kastelo. Dum la nokto li ne dormis. Ĉe la tremetado de la alpendigita lampo, li ĉiam revidadis la grandan nigran cervon. Lia antaŭdiro lin elokupis; kontraŭ ĝi li batalis. « Ne! ne! ne! ilin mortigi mi ne povas! » kaj li pripensis: « Se mi tamen tion volus?... » kaj li timis, ke tian envion inspiros al li la Diablo.

Dum tri monatoj, ŝia korpremata patrino preĝadis ĉe lia lito kaj la patro ĝemanta senĉese promenadis tra la koridoroj. Li venigis la plej famajn kuracistojn, kiuj ordonis multegon da drogoj. La malsanon de Juliano, ili diris, kaŭzis aŭ malfavora vento aŭ amdeziro. Sed al ĉiuj demandoj la junuloj neis per la kapo. Al li revenis fortikeco, kaj oni promenis lin en la korto, dum lin subtenis, ĉiu per brako, la maljuna monaĥo kaj la bona sinjoro. Kiam li estis tute resana, li obstine ne volis ĉasi. Lia patro por lin ĝojigi, donacis al li grandan glavon Sarazenan; ĝi estis alta unu pilonon. Por ĝin atingi, ŝtupetaro estis necesa. Juliano suprenrampis. La glavon tro multepezan ellasis liaj fingroj kaj ĝi falante tuŝetis tiel proksime la bonan sinjoron, ke lia surtuto estis tranĉita; Juliano kredis, ke li mortigis sian patron, kaj svenis. De tiam, li timis antaŭ armiloj. La vidaĵo de nuda fero lin paligis. Tia malforteco ĉagrenegis lian familion. Fine, la maljuna monaĥo, en la nomo de Dio, de l'honoro kaj de l'prapatroj, ordonis, ke li rekomencu siajn nobelajn ekzercojn. La ĉevalestroj sin ĉiutage amuzadis per la jetado de l'sagegoj. Pri tio Juliano estis baldaŭ sperta. Li sendadis sian sagegon en la kolon de la boteloj, rompadis la dentojn de la ventoflagoj, el cent paŝoj frapadis la najlojn de l'pordoj. Someran vesperon, en la horo kiam ĉion faras neklara la nebulo, li, sub la laŭbo de la ĝardeno, ekvidis tute en la fundo du blankajn flugilojn je la alto de la spaliro. Li ne dubis, ke ĝi estas cikonio kaj la sagon li jetis. Korŝiranta krio laŭtiĝis. Estis lia patrino, kies longpluma kufo restis alligita kontraŭ la muro. Juliano forkuris el la kastelo kaj ne revenis.

II.

Li enviciĝis en bandon de pasantaj aventuristoj. Li konis malsaton, soifon, febron kaj malpurecon. Li kutimiĝis al la bruado de l'batalo, al la vidaĵo de l'mortantoj. Lian haŭton tanis la vento. Liajn membrojn malmoligis la kontakto de l'armiloj; kaj ĉar li estis tre forta, kuraĝa, modera, singardema, li sen malfacilo ricevis la estrecon de roto. En la komenco de la bataloj, li per granda gesto de glavo vigligis siajn soldatojn. Per nodŝnurego, li, balancata de l'uragano, rampis sur la murojn de l'fortikaĵoj, nokte, dum al lia femuro algluiĝis la flamo de l'greka fajro kaj el la murdentoj disfluis bolanta rezino kaj fandita plumbo. Ofte frakasis lian ŝildon la falo de ŝtono. Sub li krakis pontoj tro ŝarĝitaj de homoj. Transturnante sian armilaron, li forpelis dek kvar rajdantojn. Li en duelado malvenkis ĉiujn vetbatalintojn. Pli ol dudeko da fojoj, oni kredis ke li jam mortis.

*(daŭronta.)*

en du grupojn, por plifaciligi la organizadon. Ni eldonos por tiuj, kiuj konsentos lui ĉambrojn kaj ankaŭ preni la tag-kaj-vespermanĝon en la *Corn Exchange* (kiun ni aliformigos en grandegan manĝosalonegon en kiu mil personoj povos kune manĝi) biletaron : (sep biletoj por lito kun frua matenmanĝo, kvin biletoj por tagmanĝo kaj kvin por vespermanĝo). Tiu ĉi biletaro kostos 18 spesmilojn (£ 1,16). La personoj, kiuj ne deziras aĉeti tian biletaron povos sendi al *La Trio* detalojn pri la ĉambroj, kiujn ili bezonos, kaj la luprezo kiun ili konsentas pagi por la Kongresa semajno, kaj, se ili deziras ke ni trovu por ili komfortajn loĝejojn, ili devos sendi garantian pagon kun la peto, de almenaŭ unu kvinono de la luprezo. La ceterajn kvar-kvinonojn ili povas pagi je alveno en Kembriĝon, aŭ pli frue se eble.

**Vojaĝo**. — Pri la kosto de fervoja kaj vaporŝipa veturado, ni povas doni la sekvantajn sciiĝojn :

Ir-reiraj biletoj (14-tagdaŭra) komencantaj ian tagon inter Aŭgusto 6 ĝis 13, estos eldonataj, inter Francujo kaj Londono tra Calais-Dovero aŭ Bulonjo-Folkestone *post montriĝo de la Kongreso* ; la pago estas Fr. 39 en 1a klaso ; Fr. 29 en 2a klaso ; Fr. 19 en 3a klaso, per ia ŝipo aŭ vagonaro, laŭ klaso.

Ankaŭ inter Parizo kaj Londono, per la vagonaro de la naŭa vespere : Fr. 73 en 1a klaso ; Fr. 47 en 2a klaso ; kaj Fr. 37 en 3a klaso. Tiuj ĉi biletoj valoros de la 7 ĝis la 30 Aŭgusto.

**Diversaj informoj** — Ni jam zorgas pri la preparado de la Kongresa Libro kaj aranĝis, ke la kosto de la anoncoj en ĝi estos : Por unu plena paĝo, sm. 20 ; por 1/2 paĝo, sm. 6,40 ; por 1/4 paĝo, sm. 3,60 ; kaj tiuj, kiuj deziras fari anoncojn estas petataj skribi antaŭ la 15a de Junio al La Trio.

Tiuj, kiuj deziras ekspozicii ian specialaĵon, devas sendi detalojn antaŭ Junio 15, kaj ekspedi la elmontrotaĵojn antaŭ Junio 30 — krom pereemaĵoj.

Pro la kreskanta Esperanta agado en Cambridge, la tiea grupo fondis konsulejon kaj elektis por tiu posteno S-ro W.-W, Mann, 12, King's Parade).

Laŭ la anonco farita lastan monaton, *Triano* Mudie konsentis prezidi la Londonajn post-kongresajn aranĝojn. Li fondis diversajn komitatojn por klopodi pri diversaj fakoj de organizado. Esperantistoj do povos esti certaj, ke iliaj Londonaj samideanoj celos konduki ilin en la plej interesajn lokojn inter Aŭgusto 17 kaj 27.

La ĝenerala plano ĝis nun aranĝita estas : —

*Dimanĉo Aŭgusto 18.* — Diversaj preĝejoj, Botanikaj kaj Zoologiaj Gardenoj, k. t. p.

*Lundo kaj Mardo.* — Kondukataj vizitoj kaj veturoj al muzeoj, pentraĵaroj, k. t. p.

*Lundo Vesperoj* — Koncerto kaj teatra ludo, por helpi Londonan propagandon.

*Merkredo 21 ĝis Mardo, 27.* —

Kelktagaj ekskursoj en diversajn interesajn regionojn de Anglujo. Ili daŭros ĝis la elĉerpiĝo de la rabatoj fervojaj.

Ni estos kontentaj, se tiuj kongresanoj, kiuj deziras veturi Skotlandon anstataŭ Londonon post la Kongreso, afable skribos al S-ro W.-M. Page, 126, Bruntsfield, Place Edinburgh, kiu tre sindone prenas sur sin la organizon de interesa ekskurso tra Skotlando.

La detalojn de ĉi tiuj ekskursoj ni poste donos al tiuj, kiuj sendis aliĝilon,

*Tiuj, kiuj frue respondos, faros grandan servon.*

Skribu plej frue al *Triano*.

H.-B. Mudie, Kongreso, 2, *King's, Parade, Cambridge.*

## INTERNACIA PRESISTA SOCIETO

La grandaj paŝoj de nia lingvo, kuraĝigas min kredi, ke la tempo jam alvenis kiam ni, anoj de la presarta profesio, devas kunligi nin internacie per Tutmonda Presarta Societo, por ke ni povu ricevi kunhelpon kaj sciigojn unu de la alia, pri la lastaj elpensitaĵoj, novaj ideoj kaj procedoj (kiuj ĉiam helpas kaj interesas la antaŭen-puŝemajn presistojn, ĉu dungantojn ĉu dungatojn), kaj ankaŭ informojn pri la unuiĝoj kaj federacioj en aliaj landoj.

Certe jam ekzistas multaj luksaj presartaj gazetoj naciaj, en kiuj troviĝas okaze iom da internaciaj aferoj, sed, kutime la sciigoj estas plejparte nur pri naciaj aferoj, kaj kiam okazas ekspozicio presarta, ni nacianoj miregas je la fremdlandaj montraĵoj, pri kiuj ni ne eĉ antaŭe legis. Nu, se ni povus nin internacie kunligi ni certe informiĝus pli multe pri tutmondaj aferoj rilate al nia profesio. La Presarta Esperantisto Grupo en Londono jam esploras la preparojn necesajn kaj esperas baldaŭ eldoni plenajn sciigojn pri la afero. En la venonta Kongreso, kredeble oni aranĝos apartan kunvenon por presistoj, en kiu estos diskutata la staŕigindeco de Internacia Presista Societo. Ĉiuj, kiujn interesas la ideo, konvolu skribi al S-ro S. R. MARSHALL, hon. sek., Londona " Kakstona " Presarta Grupo, 92, *Longhurst-road, Hither Green, London, S. E.*

## INTERNACIA SOCIETO PEDAGOGIA

La Internacia Societo Pedagogia havas celon atingi la unuiĝon de ĉiuj geinstruistoj de la tuta mondo kaj helpi kiel eble plej la moralan kaj materialan plibonigon de tiuj, kiuj sin okupas pri instruado kaj la progresadon de la pedagogiaj sciencoj. La jara kotizaĵo estas 1 franko (40 spesdekoj). La Centra Direkta Komitato konsistas jene : *Prezidanto :* S-ro A. Lopez, Villanueva, Murcio ; *Vicprezidantino*, Vino de Burgos Segur, Madrido ; *Sekretario :* S-ro Baudin, Agüero, La Guardia ; *Vicsekretario :* S-ro Munoz Escobar ; *Kasistino :* F-ino Olóriz Sánchez, La Guardia ; *Anoj :* S-roj Barea Molina, Malaga ; Guzmán Navarro, L. Alférez, Malaga. Laŭ la regularo, ĉiu nacia sekcio havas komitaton. La prezidanto de la hispana sekcio estas S-ro Mingo et Madrido ; oni nun organizas la Kuban sekcion (prezidanto : S-ro R. Vîcente) kaj Paragvajan sekcion (prezidanto : S-ro Millan Molero). La jenaj gazetoj en Hispanujo estas naciaj organoj :

*La Defensa* kaj *La Educacion Contemporanea.* Baldaŭ organiziĝos aliaj naciaj sekcioj. De nun' ESPERANTO estas la oficiala organo de la Societo. Pluaj informoj sekvos.

### INTERNACIA SOCIETO DE LA ESPERANTISTAJ JURISTOJ

Oficiala Informilo

La *Internacia Societo de la Esperantistaj Juristoj* (I. S. E. J.) fondita dum la IIa kongreso esperantista havas celon krei kaj konservi inter siaj anoj aferajn rilatojn, konigi al la fremdaj juristoj la samideanajn kunfratojn aŭ jurlaborantojn en ĉia lando, ebligi la sendon de aktaro en la plej malproksimajn landojn, kun certeco trovi tie korespondanton, kiu parolas kaj skribas Esperante, unuvorte unuigi la Esperantistajn juristojn de ĉiuj landoj. Jam aliĝis anoj de pli ol 15 landoj.

La jara kotizaĵo kostas fr. 2,50 (1 spesmilo). ESPERANTO estas la oficiala organo de la I. S. E. J. kaj enpresas en ĉiu No la avizojn, kiuj koncernas ĝin. La anoj de la I. S. E. J. regule ricevas la jurnalon, sen plua pago.

Por ĉiuj informoj, sin turni al *S-ro Sergeant* sekretario, *31, boulevard Mariette, Boulogne-s-Mer* (Francujo), al kiu devas esti ankaŭ sendataj ĉiuj artikoloj, petoj de la anoj, novaj aliĝoj, k. t. p.

## ANONCETOJ

*Kosto.* 8 spesdekoj (20 centimoj, 2 pencoj, 10 pfenigoj) por ĉiu linio.

Rabato de 25 % por 6 enpresoj.

Niaj abonantoj rajtos enpresigi 3 liniojn unufoje senpage.

Oni sendu al ni la anoncetojn antaŭ la 5 kaj 20 de ĉiu monato, aldonante la monon. Poŝtmarkoj estas akceptataj. Oni skribu plej legeble.

**London** (Anglujo). S-ro H. T. Bailey, 31, Caversham Road, Kentish Road, deziras korespondi pri interŝanĝo aŭ aĉeto de malnovaj Esp. jurnaloj.

**Liestal** (Svisujo). — S-ro Eduard Wenk p. adr. D-ro A. Veit Gysin, advokato deziras korespondi kun ĉiulandaj gesamideanoj.

**Prera du China** (Wis. U. S. A.). — S-ro J.-E. Crary deziras korespondi letere aŭ poŝtkarto kun alilandanoj, nome pri politiko, pejzaĝoj, kutimoj kaj telefono. Speciale interesiĝas pri tiu ĉi lasta.

**Bar-s/-Aube** (Ftancujo). — Camille Chandelliez, Kolegio, deziras korespondi angle kaj esperante.

**Voiron** (Isère-Francujo). — S-ro Jullien, poŝtkartisto, deziras korespondi per poŝtkartoj, laŭ deziro de la gesamideanoj.

**Verdun-s/-Meuse** (Francujo). — S-ro Ernauld, rue du St-Esprit, deziras korespondi kun fremdaj gesamideanoj.

**Praha** (Bohemujo-Aŭstrujo). — Kiu el S-roj inĝenieroj aŭ arĥitekturistoj ricevus en sian oficejon *junan teknikiston*, por desegnaj laboroj dum aŭgusto aŭ septembro, tiu bonvolu sendi kondiĉojn sub signo *O R. Praha* (ĉefpoŝto).

**Fourques** (Pyrénées-Orient. Francujo). — Parofiestro Andreu sendiĝos al gesamideanoj po malalta prezo *vinojn naturajn kaj superajn*, ĉu blankajn, ĉu ruĝajn, ĉu malnovajn de Roussillon.

« **Saturday Evening Tribune** », la plej granda grava amerika ĉiusemajna jurnalo socialista, deziras esperantistajn korespondantojn en ĉiu lando pri la labora kaj socialista movadoj. Redone oni sendos la jurnalon. (En ĉiu No esperanta artikolo). Sin turni al Ch.-E. Randall, 1522 First Ave., Seattle, Wash. U. S. A. (Unuiĝitaj Ŝtatoj).

**Voiron** (Isère, Francujo). — S-ro Barnie, boulevard de la République tre deziras interŝanĝi ilustritajn kartojn kun ĉiuj gesamideanoj ; ĉiam tuj kaj akurate respondos.

**Plzèn** (Bohemujo-Aŭstrujo. W S-rp Oktav Vlasák, Wenzigova ul 3, oficisto de la aŭstraj fervojoj interŝanĝos ĉiujn ilustritajn poŝtkartojn kaj respondos ĉiujn leterojn, kiujn li ricevos.

**Anby** (Nord, Francujo). — S-ro Philippe deziras korespondi kaj interŝanĝi vidajkartojn. La personoj aprobantaj la ideon de *Internacia Antialkolista Societo* estas petataj skribi al li.

**Hamburg** (Germanujo). — Se vi volas helpi la kreon de *grava propagandilo*, bonvolu sendi al S-ro W. A. Vogler, 21, Bachstrasse 12 poŝtkarton kun bildo de via urbo. Sur la antaŭa paĝo, oni metu : la nombron de l'grupanoj kaj de la lernantoj, la adreson de l'Konsulejo, la daton de fondiĝo de l'grupo, la stampon de l'grupo, k. t. p. Tia kolekto estis elmetita en Dresdeno kaj estos ankaŭ en Kembriĝo.

**Lyon** (Francujo). — S-ro Humbert, 108, avenue de Saxe, deziras interŝanĝi ilustritajn poŝtkartojn kun ĉiulandaj gesamideanoj pri la manierfarado kaj la kunmiksaĵo de ĉiuspecaj kukoj ; ĉiam kaj tuj respondos.

**Parizo** (Francujo). — Lernantoj de lernejo Turgot (supera urba Lernejo de Parizo) deziras korespondi kun samideanoj. Ili estas 15 ĝis 16 jaraj. Sin turni al S-ro Warnier, rue Sainte-Anne, 46, Paris-2e, por ricevi iliajn adresojn.

**Voiron** (Isère, Francujo). — S-ro Patricot ĉe S-ro Baudet tre deziras korespondi poŝtkarte kun ĉiuj gesamideanoj ; ĉiam tuj respondos.

**Parizo** (Francujo). — S-ro Masseron, 97, rue Alexandre-Dumas. — Fabrikisto de *pinĉiloj* por la tolaĵo, kartono, k. t. p. Petu klarigojn al la firmo.

### La Tria Universala Kongreso de Esperanto

en Cambridge, de la 10a ĝis la 17a de Aŭgusto, 1907

Rilate al la Tria Internacia Kongreso Esperanta, Thomas Cook kaj Filo (Fondintoj de la Tutmondaj Vojaĝoj kaj malkaraj Ekskursoj Fervojaj) petas la atenton de la Kongresanoj kaj Vizitontoj pri siaj aranĝoj. Prezentante siajn kongreskartojn, ĉe la Oficejoj de Thomas Cook kaj Filo, la Kongresanoj povos ricevi **Biletojn de iro kaj reveno** por Cambridge, po **unu vojaĝ-kosto kaj kvarono**, de la Stacioj sur la ĉefaj Britaj Fervojoj. Tiuj ĉi Biletoj estos uzeblaj de la 9a ĝis la 27a de Aŭgusto, 1907a. La Kongresanoj kaj Vizitontoj de la Kontinento, k. t. p., povos ricevi ĉe la sub-oficejoj de Thomas Cook kaj Filo, biletojn de iro kaj reveno, por London kaj Cambridge, laŭ iu el tiuj sekvantaj vojoj :

| | | |
|---|---|---|
| Calais-Dover. | Dieppe-Newhaven. | Hook of Holland Harwich. |
| Ostend-Dover. | Havre-Southampton. | |
| Boulogne-Folkestone. | Antwerp-Harvich. | Flushing-Queensboro k.t.p |

Horaroj de traveturiloj estos sendataj laŭ peto. Vizitoj kaj veturoj kun kondukantoj en London al Muzeoj, Pentraĵaroj kaj Konstruaĵoj publikaj, k. t. p. Kelkaj Unutagaj Ekskursoj veturos al Windsor, Stratford-on-Avon, South Coast, Isle of Wight, k. t. p. Fremda Mono interŝanĝata.



## Kroniko Esperantista

Venas la somero, kaj la « feliĉuloj » el la Esperantistaro sin nun pretigas por la veturo al Kembriĝa kongreso. La malfeliĉuloj, t. e. la personoj, kiuj ne ĉeestos en nia kongreso povas tamen eltiri ian konsolon partoprenante en la multaj regionaj kunvenoj kaj festetoj, kiuj preskaŭ ĉie okazas. Tie la ligiloj inter najbaraj grupoj plifortikiĝas, prepariĝas komuna utila laboro ĉu en la kunsidoj, ĉu en la privataj interbabiloj, dum kiuj la langoj devigate forlasas sian mutecon kaj post la ŝanceliĝo de la unua horo flue kaj senĝene parolas nian lingvon. Iom post iom, la nombro de la personoj, kiuj estas kapablaj korekte kaj rapide paroli Esperante ĉiutage pligrandiĝas, kaj tia fenomeno estas plene kuraĝiga, ĉar ĝi montras, ke nia lingvo pli-kaj-pli eniras la kampon praktikan kaj faktan. Reformi ĝin aŭ enkonduki en ĝin tro multajn neologismojn jam fariĝas neeble en la nuna tempo — tiom pli ke la ĉiam pligrandiĝanta materialo de libroj kaj ĉiaspecaj verkoj estas la plej bona certigo pri la konservado kaj netuŝebleco de la nuna formo de lingvo.

Se pro la somero la esperantista agado malvigliĝas — ĝis la kongreso — tamen ne strikas la esperantistaj presistoj. La plimultiĝado de la esperantaj libroj estas pruvo de la kreskanta vivo de nia lingvo. Ni citu unue en la ŝatinda kolekto de *La Revuo* verkon de nia majstro, nome *La Revizoro*, traduko de la fama komedio de la rusa aŭtoro Gogol. Tiun tute rimarkindan tradukon devas posedi kaj atente tralegi ĉiu esperantisto kaj speciale ĉiu, kiu deziras verki aŭ traduki Esperante. En la verkoj de D-ro Zamenhof, oni trovas tian mirindan fluecon, vivecon de la stilo, kian oni ĉe la aliaj esperantistaj aŭtoroj ĉefe modernaj ne ofte renkontas. La tuta verko postulus en la lingva vidpunkto longan analizon, kiun ni tie ĉi ne povas fari. Oni ĉiaokaze devas esti ĝoja, ke D-ro Zamenhof denove skribas kaj promesas al ni serion de bonstilaj imitindaj verkoj. Post « La Revizoro », aperos la *Libro de l'Predikanto* kaj *La Rabistoj*, ankaŭ publikigitaj en « La Revuo ». Grandan plezuron ni ankaŭ ricevis legante tradukon de S-ro Meier, *La Ama Vivo en la Naturo ;* tiu fragmento el grava libro de W. Bölsche estas mirinde tradukita kaj — kio estas malofta — la ekstera ŝajno de la citita libro plene akordiĝas kun la intereseco kaj legindeco de l'enhavo. S-ro Paul Champion esperantigis por la junuloj ĉarman rakonton de Paul de Musset : *Sinjoro Vento kaj Sinjorino Pluvo*, S-ro Badert pecon el René Bazin : *La muelilo, kiu ne plus turniĝas.* Nia konata tradukisto Kabe aperigis *Internacian Krestomation*, kiu enhavas verkerojn el diverslandaj aŭtoroj ; fine S-ro P-ro Giambene kunigis diversajn artikolojn kaj esperantajn literaturaĵojn sub la titolo : *Tra la Esperanta Literaturo.* Mi ankaŭ ne forgesu F-inon Tellini, kiu publikigis *Kristanajn preĝojn por blinduloj* Braille-reliefe presitajn. La plej multaj Esperantistoj konas la belan propagandan verkon : *Solvo de la problemo de lingvo internacia*, kiu estas legebla en nia Krestomatio, kaj jam estis parte tradukita de S-ro de Beaufront. Tiu tiel interesa kaj konvinka parolado aperis aparte kun naciaj tradukoj ; jam aperis germana (trad. de S-ro Christaller) kaj la franca (trad. de S-roj de Beaufront kaj Vallienne) ; ni rekomendas tiun broŝuron tute speciale, ĉar ĝi estas apogita sur serioza kaj mature pripensita fundamento, kaj estas difinita al tiuj homoj, kiuj, ne obeante la modojn kaj ne fidante al la rakontoj de la publikaj kritikistoj, serĉas la veron per la logiko kaj persona pripenso. Krom tio, la esperanta teksto originala estas vere klasika. La propagandaj broŝuroj kaj diverslingvaj lernolibroj fariĝas tiel multaj ke raporti, eĉ mallonge, pri ĉiu el ili estus ne facile. Ni nur citu tre rapide : *Guide Esperanto de la Croix-Rouge*, (de L. Bayol) tio estas la franca eldono de diverslingvaj Esperantaj gvidlibretoj baldaŭ aperontaj ; en ĝi oni trovas ĉiujn frazojn necesajn en milito kun nacia traduko ; tiu verketo havas la saman amplekson kiel niaj ŝlosiloj ; oni klopodu, ke ĉiu soldato kunportu Cefeĉan ŝlosilon kaj tian gvidlibreton. *A Grammar and Commentary*, verkita en angla lingvo de S-ro Cox, detala komentario de la Esperanta gramatiko. L'*Esperanto*, franclingva parolado de S-ro C. Bourlet. *Rapport sur l'Esperanto* (Raporto pri Esperanto) al la ministro de publika instruado de S-ro Th. Cart, mallonge kaj klare montras la plibonojn kaj akceptindecon de Esperanto. *Esperantista Dokumentaro* (kajero kvara), plena oficiala raporto pri la IIa kongreso kun la diversaj alprenitaj decidoj de la ĝeneralaj kaj specialaj kunvenoj, k. t. p.

A. R.

27 JUNIO 1907 — Unu Numero : 10 CENTIMOJ — TRIA JARO. — Nº 10

# ★ ESPERANTO ★

DUONMONATA INTERNACIA GAZETO

| ADMINISTRATION | PUBLISHING OFFICE | ADMINISTRATION |
| --- | --- | --- |
| 8, Rue Bovy-Lysberg, 8, Genève (Suisse) | 8, Rue Bovy-Lysberg, 8, Geneva (Switzerland) | 8, Rue Bovy-Lysberg, 8, Genf (Schweiz) |
| Abonnement annuel. . . . . . . 3 francs | Yearly subscription . . . . . . . 2s.6p. | Preis pro Jahr . . . . . . . Mk 2.50 |
| Un numéro. . . . . . . 10 cent. | Separate copies. . . . . . . 1d | Einzelne Nummern . . . . . . . Mk 0.10 |
| On s'abonne à l'Administration ou auprès des agents locaux | Subscriptions payable to the Publishers or the Local Agents | Abonnements Preise sind zu bezahlen durch die Administration oder die Abgeordneten derselben |

## L'Esperanto chez les aveugles

L'Esperanto a trouvé chez les aveugles une application aussi utile que bienfaisante .Jusqu'ici les aveugles, par suite de la difficulté d'imprimer en Braille les épais dictionnaires et grammaires des langues nationales, se trouvaient dans l'impossibilité d'apprendre aucune langue étrangère et de ce fait d'entrer en relations avec leurs collègues d'autres pays. Grâce à la facilité de la grammaire Esperanto, au peu d'étendue du vocabulaire, l'impression d'ouvrages en Braille devient chose facilement réalisable; d'autre part, les principales œuvres littéraires pouvant être traduites dans une seule langue auxiliaire, la même pour tous, trouveront un écoulement plus facile dans le monde restreint des aveugles. Tels sont, entre bien d'autres, les avantages que présente l'Esperanto pour les aveugles .

Depuis quelques années, quelques Esperantistes attirés par le côté philanthropique de cette entreprise, songèrent à introduire l'Esperanto chez les aveugles. En 1902, on adapta l'alphabet en relief Braille à l'Esperanto; dès lors, l'impression d'ouvrages pour aveugles dans la langue internationale devenait possible. Grâce au dévouement de plusieurs Esperantistes, notamment de Mlle Zabillon d'Her, on réussit à éditer divers manuels pour l'étude de l'Esperanto; en même temps, l'Esperanto commençait à être enseigné dans un certain nombre d'instituts pour aveugles (Paris, St-Mandé, Dijon, Belgique, Lausanne, Prague, Stockholm, Copenhague, Boston, etc.). Actuellement, l'Esperanto se répand d'une façon très réjouissante dans le monde spécial des aveugles.

Il existe en Braille une revue mensuelle «Esperanto Ligilo» dont le rédacteur est M. Th. Cart, de Paris, qui est un des initiateurs du mouvement espérantiste chez les aveugles et celui auquel sont dus les résultats très appréciables obtenus jusqu'à ce jour. Cette revue compte environ 200 abonnés dans 18 pays, ce qui est beaucoup pour un journal en Braille. Des livres d'étude existent dans les principales langues; en outre, un nombre croissant d'ouvrages en Esperanto sont imprimés en Braille et les aveugles de tous les pays éprouvent une joie bien vive de faire connaissance avec des œuvres littéraires qui, sans l'Esperanto leur resteraient complètement inconnues. Grâce à l'Esperanto, des aveugles de différents pays ont pu entrer en relations les uns avec les autres, ce qui leur était précédemment matériellement impossible. On se propose actuellement d'envoyer au Congrès Espérantiste de Cambridge un certain nombre d'aveugles de diverses nations; il est fait pour cela appel à la générosité de chacun; tous les dons concernant la propagande de l'Esperanto chez les aveugles sont également acceptés avec reconnaissance .

*Esperanto-Journal.*

(1) Esperanta Ligilo, abonnement 3 fr. par an. Direction : 12, rue Soufflot, Paris Tous les dons, soit pour la propagande générale de l'Esperanto chez les aveugles, soit pour l'envoi de quelques Esperantistes aveugles au Congrès de Cambridge, sont reçus à la même adresse.

## Das Esperanto bei den Blinden

Das Esperanto hat bei den Blinden eine sowohl nützliche als auch wohltuende Anwendung gefunden. Bis jetzt war es den Blinden infolge der Schwierigkeit, Wörterbücher und Grammatiken der Nationalsprachen in Braille's Schrift zu drucken, ganz unmöglich irgend eine fremde Sprache zu erlernen und dann mit ihren Leidensgenossen anderer Länder in Verbindung zu treten. Dank der Einfachkeit der Esperantogrammatik und der Kürze seines Vocabulariums kann nun der Druck von Werken in Braille's Schrift leicht von Statten gehen; ferner werden die hauptsächlichsten Literaturerscheinungen, die mit Leichtigkeit in eine einzige Sprache, eine für alle, übersetzt werden können, eine schnellere Verbreitung bei den Blinden finden. Solche schätzenswerte Vorteile bietet das Esperanto den Blinden.

Seit einigen Jahren haben verschiedene Esperantisten den Gedanken gehabt, dem Esperanto bei den Blinden Eingang zu verschaffen. Im Jahre 1902 ist des Alphabet in Braille's Schriftzeichen dem Esperanto angepasst worden; seither ist der Druck von Werken in der internationalen Hilfssprache möglich geworden. Dank der Aufopferung mehrerer Esperantisten, besonders von Frl. Zabillon d'Her ist die Herausgabe verschiedener Esperantolehrbücher verwirklicht worden; gleichzeitig wurde auch mit der Einführung des Esperanto in eine Anzahl Blindeninstitute begonnen (Paris, St.-Mandé, Belgien, Lausanne, Dijon, Prag, Stockholm, Kopenhagen, Boston etc.). Gegenwärtig macht das Esperanto bei den Blinden erfreuliche Fortschritte. Es erscheint in Braille's Schrift eine monatliche Zeitschrift «Esperanto Ligilo»[1]) deren Redaktor Herr Prof. Th. Cart in Paris ist, einer der Initianten der Esperantobewegung bei den Blinden, dem wir die grossartigen Erfolge der letzten Zeit zu verdanken haben. Diese Zeitschrift zählt ungefähr 200 Abonennten in 18 Ländern. Lehrbücher in den hauptsächlichsten Sprachen sind schon erschienen; unter anderm werden viele Werke in Braille's Schrift gedruckt und die Blinden aller Länder erleben die grosse Freude mit Literaturwerken Bekanntschaft zu machen, die ihnen ohne die Kenntnis des Esperanto vollständig unbekannt blieben. Mit Hilfe des Esperanto ist es den Blinden verschiedener Länder möglich geworden, sich mit Leidensgenossen leicht in Verbindung zu setzen, was vorher vollständig unmöglich war. Man hat den Vorschlag gemacht Blinde verschiedener Nationen an den Kongress in Cambridge zu senden; zu diesem Zwecke ist an die Opferwilligkeit eines jeden Esperantisten ein Ruf ergangen; alle Gaben, die die Propaganda des Esperanto bei den Blinden bezwecken, werden ebenfalls mit bestem Danke angenommen.

*Esperanto-Journal.*

(1) Esperanta Ligilo, jährlicher Abonnement, frs. 3. Direktion : 12, rue Soufflot, Paris. Alle Gaben, sei es für die allgemeine Propaganda des Esperanto bei den Blinden, sei es für die Unter stutzurg von blinden Esperantisten an den Kon gress in Cambridge sind an obige Adresse zu richten.

## Esperanto among the Blind

Esperanto has both a useful and kindly mission among the blind. Till now, the blind, owing to the difficulty of printing in Braille characters huge dictionaries and grammars of national tongues, have been unable to study any modern language, and, consequently, to communicate with their afflicted brethren of other lands. Thanks to the facility of the Esperanto grammar and to its restricted vocabulary, Braille printing is easily managed; moreover, the translation of the principal works into one auxilliary tongue renders the task of presenting them to the small world of the blind easier. This is one of the many advantages Esperanto offers to the blind.

Some years ago, certain esperantists attracted by the philanthropic nature of such an enterprise conceived the idea of introducing Esperanto among the blind. In 1902 the Braille alphabet was adapted to Esperanto thus enabling the publication of international works. Thanks to the unselfish labour of Miss Zabillon d'Her and others, various text books for the study of the tongue were published; simultaneously Esperanto was introduced in many blind asylums (Paris, St.-Mandé, Dijon, Belgium, Lausanne, Prague, Stockholm, Copenhaguen, Boston etc. etc.) To day Esperanto is widely spread among this little world of the blind. A monthly Braille review "Esperanta Ligilo" is edited by M. Cart, the most untiring and successful partisan of this idea. There are 200 subscribers in 18 countries to this review, a large number for a Braille paper. Instruction books exist in all the principal tongues, and an always increasing number of works are published thus enabling the blind of every land to joyfully make the acquaintance of literature which, but for Esperanto would be for ever closed to them. In Esperanto the blind now correspond freely with their brethren, a material impossibility till now. It has been suggested that a delegation of the blind be sent to Cambridge for the Congress and a call for assistance is now made on public generosity, all gifts will be most thank fully received.

*Esperanto-Journal.*

(1) Esperanto Ligilo, 2/6 yearly. Publishers, 12, rue Soufflot, Paris. All gifts in favour of propagation of Esperanto among blind and of sending representatives to the Cambridge Congress are received at the same address.

## El Esperanto y los Ciegos

El Esperanto ha hallado entre los ciegos una applicación tán útil como benéfica. Hasta hoy los ciegos por causa de la dificultad de imprimir en Braille los diccionarios y gramáticas voluminosas de lenguas nacionales se hallaban en la impossibilidad de aprender ningun idioma extrangero y asi de entrar en relaciones con los colégas de otros paises gracias á la facilidad de la gramática Esperanto y la poca extensión del vocabulario, la impresión de obras en Braille es cosa facilmente realizable; de otra parte las obras principales literarias que se pueden traducir en una sola lengua auxilaria, la misma para todos, hallarán una propagación más facil en el mundo restringido de ciegos. Tales son entre muchos otros las ventajas que presentá el Esperanto pará los ciegos. Hace pocos años algunos esperantistas atraidos por el lado filantrópico de esta empresa pensaban introducir el Esperanto entre los ciegos.

En 1902, se adaptó el alfabeto en relieve Braille al Esperanto; desde entonces la impresión de obras para ciegos en la lengua internacional elegó á ser posible. Gracias á la abnegación de varios Esperantistos, particularmente Mlle Zabillon d'Her, han logrado ha publicar diversos manuales para el estudio del Esperanto, al mismo tiempo el Esperanto comenzó á ser enseñado en un cierto número de institutos para ciegos (Paris, St-Mandé, Dijon, Belgique, Lausanne, Prague, Stockholm, Copenhague, Boston, etc.[1]). Actualmente el Esperanto se propaga de una manera muy satisfactoria en el mundo especial de ciegos.

Existe en Braille una revista mensual «Esperanta Ligilo» cuyo redactor es el Sr. Th. Cart de Paris, quien es uno de los iniciadores del movimiento esperantista entre los ciegos, y á quien son debidos los apreciables resultados conseguidos hasta hoy dia. Esta revista cuenta cerca de 200 abonados en 18 paises que es bastante porra un periodico en Braille. Libros de estudio existen en los idiomas principales; ademas un número abundante de obras en Esperanto estan impresos en Braille y los ciegos de todos los paises experimentan viva alegria de poder conocer obras literarias, las que sin el Esperanto, les quedaban complétamente desconocidas. Gracias al Esperanto, ciegos de varios paises han entrado en relaciónes los unos con los otros, lo que antes les fué materialmente imposible. Se propone actualmente de enviar al congreso esperantista de Cambridge un cierto número de ciegos de diversas naciones; para ello, se recurre á la generosidad de cada cual; todos los dones concernientes la propagación del Esperanto entre los ciegos son igualmente acceptados con gratitud.

*Esperanto-Journal.*

(1) Esperanta Ligilo abonamiento 3 fr. por año Dirección : 12, rue Soufflot, Paris. Todos los dones sea para la propagación general del Esperanto entre los ciegos, sea para el envio de algunos Esperantistos ciegos al Congreso.